# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 75**
**Bulteno de KAEM**
**Aprilo 2012**

----------------------------------------------------------------

## Saluto el Vjetnamio, la UK-kongreslando

Ĉi-jare, la 26-an de julio, la monda Esperanta komunumo kaj la tuta mondo celebros la 125-an datrevenon de la naskiĝo de Esperanto. Vjetnamio ne estas escepto. Male, tiu jaro havas por Vjetnamio specialan signifon: Fakte, du tagojn post la memorinda tago, la 28-an de julio malfermiĝos en Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio, la 97-a Universala Kongreso de Esperanto (UK-97) kaj paralele, la Internacia Infana Kongreseto (IIK-43) kaj tuj poste, la 68-a Internacia Junulara Kongreso (IJK-68) de Esperanto. Do, dum du semajnoj kaj du tagoj, okazos tri sinsekvaj Esperantaj eventoj sub la emblemo portanta la ciferon 125. Ĉu hazardo? Ĉu koincido? Estas malfacile respondi, sed ĉiakaze, tio estas memorinda okazaĵo.

La francaj pioniroj, kiuj, laŭ la Enciklopedio de Esperanto, uzis Esperanton en Hindoĉinio ekde 1907, nur 10 jarojn post la naskiĝo de Esperanto, ne povis imagi, ke iun tagon, Esperanta kunveno je monda skalo okazos en tiu lando, kies nomo tiutempe eĉ ne videblis en la mondmapo. Same, Lucien Péraire, la franca esperantisto, kiu bicikle mondvojaĝis por propagandi Esperanton, dum sia prelego en Hanojo en 1931 antaŭ mil-homa ĉeestantaro ne pensis, ke lia iniciato ekis tian vastan movadon en nia lando.

Kian honoron, fierecon ni sentis, kiam en 2010, ni ricevis informon de UEA pri la decido de ties estraro akcepti Vjetnamion kiel gastiglandon de UK-97. Tiu decido estas la rekono, ke Vjetnamio estas sufiĉe matura por gastigi Esperantan kunvenon je internacia amplekso. Tiu atingo estas la rezulto de daŭraj, senlacaj klopodoj fare de multaj sinsekvaj generacioj de esperantistoj, de la unuaj lernolibroj kaj kursoj en la 1930-jaroj, tra la perkorespondaj kursoj en la ĝangalo sub la minaco de bomboj, poste la eldonado de cent libroj en Esperanto por prezenti Vjetnamion al la mondo, kaj la nuntempa movado, kiam Vjetnamio akiris sian sendependecon, reunuiĝon kaj renoviĝis por integriĝi al la monda komunumo.

Ni estas aktive preparantaj. Kursoj de Esperanto estas malfermitaj por trejni helpantojn-volontulojn. Loka Kongresa Komitato (LKK) estas starigita por prizorgi pri ĉiuj aspektoj de organizo. Aparte, kadre de UK-97, okazos la "Tago de Vjetnamio" kie estos prezentitaj prelegoj pri kulturo, lingvo, kuirarto, modo, muziko, danco ktp. Diversaj antaŭ-, dum- kaj post-kongresaj ekskursoj estas planitaj. La helpantoj akompanos vin dum tiuj ekskursoj kaj prezentos al vi vidindaĵojn en Esperanto.

La kongresanoj, kiuj estas akompanataj de infanoj parolantaj Esperanton, povas aligi siajn infanojn al la IIK-43 okazonta paralele kun la UK. La infanoj loĝos kaj aktivados dum la tuta semajno, nek en tendaro, nek en hotelo, sed en bela, granda kaj komforta infanlernejo estrita de unu vjetnama esperantistino, kiu ĝentile sian lernejon disponigas al la internacia infanaro. Danke al la tute preta lernilaro kaj specialaj lernoĉambroj, la infanoj povos ludi, sportumi, muziki, danci, desegni, modladi, kaj multfoje viziti la proksiman Akvan Parkon, kie ili povas praktiki diversajn akvoludojn kaj naĝi. Ni intencas partoprenigi ĉirkaŭ 20 vjetnamajn infanojn parolantajn Esperanton, kaj estos bona okazo por internacia kultura interŝanĝo.

Kaj tuj post la UK kaj la IIK, okazos IJK-68. La Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) akceptis neatenditan

proponon de TEJO organizi tiun kongreson nur 6 monatojn antaŭ ĝia okazigo. Tamen, tiu mallonga tempo ne estas senkulpigo por eventuala malbona kongreso. Laŭ la spirito de la kongresa temo “Esperanto - Ponto de Amikeco, Frateco kaj Amo”, kun entuziasmo kaj memfido, la junuloj estas decidaj oferti al la partoprenontoj originalajn, interesajn aktivecojn kiel prezentadon de etnaj kostumoj, bambu-dancon, konkurson de la plej bela internacia paro, ekskurson al monto kun arbaro kaj akvofalo, kie la kongresanoj loĝos en surfostaj domoj de etna minoritato, memkuiros manĝaĵojn en tendofajro, prezentante la plej tipajn manĝaĵojn de sia lando.

Tri en unu: Tri okazaĵoj en unu grava evento. Por la esperantistaro, temas pri tri memorindaj eventoj okazontaj tuj post la memorinda Jubileo. Bonvenon al Vjetnamio tuj post la memorinda Jubileo. Bonvenon al Vjetnamio!

Vjetnama Esperanto-Asocio

## Sukcesa Unua Sud-Azia Seminario



Antaŭ kelkaj jaroj KAEM proponis, ke 4 regionoj en Azio organizu seminarion por progresigi sian regionon. Responde al tiu propono Nepala Esperanto-Asocio iniciatis la seminarion en la Suda Azio. Ĝi okazis en marto, kaj jen la raporto:

**La 2a de marto**

Je la 10a horo, s-ro Hori Jasuo el Japanio, la ĉefa gasto, inaŭguris la programon per ekbruligado de kandeloj. La partoprenantoj de la seminario entute estis 65.

La programo komenciĝis per la internacia himno, "La Espero". Poste la prezidantino de Nepala Esperanto-Asocio, Indu Thapaliya bonvenigis ĉiujn partoprenantojn. En sia bonveniga parolado ŝi diris, ke Esperanto sendube taŭgas kiel pontlingvo en la landoj de Sudazio. Ŝi avertis, ke se ni daŭre uzas la anglan kiel pontlingvon, niaj lokaj lingvoj pli kaj pli malaperos kaj ni perdas valorajn heredaĵojn de niaj antaŭuloj. Poste bondezirmesaĝoj el la tuta mondo estis legitaj.

La unua prelego de la seminario estis prezentita de Kotha Naga Siva Kumar pri la kulturo de Andra-Pradesho. Li parolis precize pri festoj, la politika sistemo, filmoj kaj la muziko de diversaj epokoj.

Poste komenciĝis Esperanto-kurso, kies instruistoj estis S.S. Pal kaj Hori Jasuo.

Post la tagmanĝo ni ĝuis prelegon de Hori Jasuo pri japana kaligrafio. Li klarigis la japanan skribmanieron kaj instigis nin skribi diversajn vortojn.

Bharat Ghimire poste prelegis kaj ĉiuj partoprenantoj tre entuziasme diskutis la temon, la Esperanto-movadon en Sudazio. Ĉiuj opiniis, ke Esperanto devas atingi ĉiujn landojn en la regiono, por ke ĉiu lando almenaŭ havu funkciantan asocion.

**La 3a de marto**

Hori Jasuo instruis kantojn kaj daŭrigis la paroligan kurson.

Philip Pierce el Usono prezentis sian tradukon de fabla novelo ("Aventuroj de nepala rano") verkita de la nepala ĵurnalisto Kanak

Mani Dixit. Por bone traduki, li diris, oni devas ne nur regi la 16 regulojn (kiujn li komparis kun la dek ordonoj de Dio peritaj de Moseo) sed ankaŭ la enhavon de PAG kaj PIV (kiujn li komparis kun la regularo de la libroj Levidoj kaj Readmono).

Poste sekvis prelego de Bharat Ghimire pri Tibor Sekelj, okaze de la 100-jara jubileo de lia naskiĝo. Li resumis lian libron pri Nepalo titolitan "Nepalo malfermas la pordon". Tibor Sekelj profunde traktis la nepalajn popolon, historion, geografion, religiojn, artaĵojn, vivmanieron, etnojn, lingvojn ktp. La verko ankoraŭ estas inda legi kaj por eksterlandanoj kaj por nepalanoj. Fakte la verko estas unu el la plej gravaj libroj skribitaj de eksterulo pri Nepalo. Sekelj klare mencias, ke li instruis Esperanton al tiamaj famuloj en Nepalo, inkluzive la reĝon de Nepalo Mahendra kaj la plej grandan poeton de la lando, Lakshmi Prasad Devkota.

Post la tagmanĝo sekvis prelego de S.S. Pal. Li prelegis pri du temoj. Unu estis "Sukceso kaj malsukceso de Esperanto en Barato". Antaŭe Esperanto estis forta movado en Kolkato. Dum la 80aj kaj 90aj jaroj esperantistoj de la tuta lando tre kohere laboris por Esperanto. Kelkaj televidaj programoj kaj artikoloj publikigitaj en grandaj tagĵurnaloj havis grandan influon kaj amaso da homoj interesiĝis pri Esperanto. Sed por diversaj kialoj la estraranoj kaj aliaj aktivuloj disiĝis kaj mankis forta kunlaboro. Tio multe influis malkreskon de la movado. Ankaŭ la eduka sistemo en la lando multe ŝanĝiĝis. Studentoj plejparte dependas de privataj instruistoj, kaj tia instruo ne lasas al ili malmulte da libera tempo. Studentoj en riĉaj familioj preferas edukadon en anglalingvaj lernejoj. Tiaj lernejoj instruas ne nur la anglan lingvon sed ankaŭ pri fremdaj kulturoj. Tio ensemas la ideon, ke la angla lingvo estas tutmonde uzata.

La dua prelego de S.S. Pal temis pri la nomo de Barato. La nomo de Barato estis diskutita detale. La preleganto trovis la ĝustan nomon en la vasta sanskrita literaturo, dum la nomo India rezultiĝis per duopa misprononco, t.e. de Sindhu al Hindu kaj de Hindu al Indu. Laŭ li do Barato estas la ĝusta nomo.

Sekvis prelego de Hori Jasuo pri la katastrofo en Japanio antaŭ unu jaro. Cunamo forprenis la vivon de pli ol 20.000 homoj. Konstruaĵoj en la regiono diversgrade disfalis, tiel ke homoj ne povas plu vivi en ili. Cunamo difektis la nuklean centralon en Fukuŝima. La radiado ankoraŭ endanĝerigas la vivon ne nur en Japanio sed ankaŭ en la tuta mondo. La preleganto montris, kiel du kontinentaj platoj ĉirkaŭas la okcidentajn partojn de la japana insularo. Tiuj du platoj foje-foje interpuŝiĝas kaj kaŭzas tertremojn kaj cunamojn.

Bisva Gautam prelegis pri la 10 plej altaj montpintoj de la mondo. Li komencis de la plej malalta kaj rakontis ne nur pri la montoj mem sed ankaŭ pri la ekspedicioj kaj sukcesaj grimpistoj.

Poste Saroj Dhakal prelegis pri la temo "Esperanto en Interreto". Li tre bone parolis pri tia uzado de Esperanto kaj kiel oni povas facile lerni kaj uzi Esperanton pere de Interreto. Li mem eklernis Esperanton tiamaniere (li antaŭe ne sciis pri NEspA). Li informis pri multaj retaj paĝaroj por ke ĉiuj povu uzi ilin. La prelego estis varme aplaŭdita.

**La 4a de marto**

Ekskurso: Ni veturis al la monteto Shivapuri rande de la valo Katmanduo kaj supren- kaj malsuprengrimpis ĝin. Estis tre bona travivaĵo, aparte por tiuj, kiuj suprengrimpis ĝin unuafoje.

**La 5a de marto**

Post la matenmanĝo Hori Jasuo daŭrigis sian Esperanto-kurson. Li ankaŭ gvidis la kantadon de Esperantaj kantoj.

Adeel Butt prelegis pri la movado en Pakistano. Li rakontis detale pri ĝia historio kaj vekis grandan intereson inter la aŭskultantoj.

Bharat Ghimire sekve parolis pri la Esperanta movado en Nepalo. Li klarigis, kial oni rajtas taksi ĝin sukcesa. Li resumis la historiajn programojn: ekzemple la Himalajaj Renkontiĝoj, la Kvara Azia Kongreso kaj SAS. Estontaj eblecoj estos okazigi

ILEI-konferencon kaj UK-n.

Post la tagmanĝo Hori Jasuo prelegis pri muzikiloj. Li montris tipajn muzikilojn de diversaj landoj kaj ludis ilin.

Bharat Ghimire prelegis pri la rilato inter Budhismo kaj la naturo.

Sekvis vigla diskuto pri la taŭgeco de Esperanto por sudazia komunikado. Hori Jasuo, S.S. Pal, Indu Thapaliya, Adeel Butt kaj Bharat Ghimire ĉefe proponis. Oni diskutis ankaŭ pri la loko kaj tempo de la sekvonta SAS. Multflanke akceptita propono estis ke la dua SAS okazu en Barato aŭ en Pakistano. Sed oni ne povis findecidi, nur decidis, ke SAS okazu en ĉiu dua jaro. Pri la loko kaj tempo oni decidos nur unu jaron antaŭe.

Ni festis bankedon, sekvatan de kantoj kaj dancoj. Esperantaj kantoj malmultis, sed ĉiuj homoj partoprenis.

**La 6a de marto**

La ferma programo komenciĝis sub la kunvenestreco de Indu Devi Thapaliya kaj per komuna kantado de la internacia himno “La Espero”.

**Kiel progresigi la movadon en Suda Azio**

Ĉiuj landaj reprezentantoj esprimis siajn opiniojn pri SAS. La vorto “seminario” estis ankoraŭfoje diskutita, kaj oni decidis plu diskuti ĝin estonte. La nove elektita komitato faros decidon post konsideri la opiniojn de elstaraj esperantistoj.

La jenaj decidoj estis aprobitaj:

Temo de la venonta SAS: Esperanto estu pontlingvo inter ĉiuj sudazianoj. Dum la trilanda kunveno, ni uzis nur Esperanton. Tio pruvas ke Esperanto jam estas pontlingvo en nia parto de la regiono. Sed nur tiam ni sukcesos, kiam ni povos uzi nian lingvon en la tuta regiono.

Intertempe oni volas:

a. Aktivigi asociojn en ĉiuj sudaziaj landoj.
b. Instrui Esperanton en ĉefaj lokoj kie esperantistoj ankoraŭ ne

troviĝas.
c. Fondi komitaton de sudaziaj landoj.
ĉ. Establi konton por Sudazio ĉe UEA.
d. Aperigi gazeton nomitan Sudazio almenaŭ unufoje en la jaro, rete aŭ surpapere.
e. Formi provizoran komitaton, kies elektitoj devos ricevi aprobon de siaj propraj organizoj kiel eble plej frue. Jen estas la membroj:

Sekretario: Bharat Ghimire de Nepalo

Asistaj sekretarioj: Kotha Naga Siva Kumar de Barato, Adeel Butt de Pakistano.

Konsilantoj: S.S. Pal de Barato, Hori Jasuo de Japanio.

# Japanio

## Unutaga Kurso de Esperanto publike en Tokio



La 7an de aprilo okazis publike Unutaga Kurso de Esperanto en la kvartalo Suginami, organizite de 8 Esperanto-Grupoj de Tokio. Prelegis prof. Kimura Goro Christoph de Sophia-Universitato pri "Atom-centralo kaj la angla lingvo". Li asertis, ke akceli uzadon de atom-energio kaj la angla lingvo havas saman strukturon en la nuntempa civilizo kaj ni devas demandi nin, ĉu vere necesas tiom

da elektropovo kaj uzado de la angla. Li apelaciis al la ĉeestantoj ne uzi troe kaj senbezone elektropovon kaj la anglan lingvon.

Sekvis Esperanta kurso de s-ro Inumaru Fumio, kiu gvidis bazan gramatikon de la lingvo. Intertempe salutis al ĉeestantoj ges-roj Hannes kaj Gisele Larsson el Francio. Prezidis la kunsidon Syozi Keiko kaj ĉeestis 30 homoj. Post la Unutaga Kurso okazos enkonduka kurso de Esperanto kelkloke en Tokio.

Syozi Keiko <syozik@qa2.so-net.ne.jp>

## Vjetnamio

### La 12-a Printempa Renkontiĝo

Kiel kutime, VEA, VEJO kaj klubo Verda Lingvo (KOVELI) organizis la Printempan Renkontiĝon. La ĉi-jara kunveno okazis dimanĉon la 15an de aprilo 2012. Partoprenis ĉirkaŭ 60 homoj.

Unue, la tuta ĉeestantaro ekstaris por observi unuminutan silenton omaĝe al la ĵus forpasinta eksa prezidanto de VEA, s-ro Nguyen Dinh Hien.

S-ro Nguyen Van Loi, VEA-prezidanto, informis pri preparado de la UK-97. F-ino Nguyen Thi Phuong, VEJO-prezidanto, estro de LKK de la IJK-68, raportis pri preparado, pri la programo de la Kongreso, kaj invitis la vjetnamajn esperantistojn, eĉ ne jam junaj, partopreni. Multaj ĉeestantoj aliĝis al la IJK-68 surloke.

S-ro Nguyen Xuan Thu raportis pri la aktivadoj de VEA rilate al la Projekto Esperanto-125 por celebri la 125an datrevenon de la naskiĝo de Esperanto. Poste li informis, ke la vjetnama versio de Kurso de Esperanto (Kurso 4) de Karlo Pereira ĵus aperis en la reto kaj estas senpage elŝutebla.

S-ino Le Thi Cao Truong raportis pri la kolekto "Vjetnamio en Bildoj – 125 elektitaj artikoloj" sur KD. Tiuj artikoloj estis tradukitaj en Esperanton kaj la kolekto aperos en KD-formo por respondi al la 125a-Jubileo kaj saluti al la UK-97.

S-ro Nguyen Van Loi transdonis atestilon pri A2-nivelo al 16 gestudentoj, poste, du studentinoj, nome de la sukcesintoj, parolis pri siaj impresoj en flua Esperanto kaj tio ĝojigis la maljunan

generacion pro tio, ke la juna generacio brile servos la du kongresojn.

La Informa Komisiono publikis kaj disdonis la bultenon “Verda Mesaĝo el Vjetnamio n-ro 1-2012” kaj prezentis la poemon "Miljara urbo inter riveroj" verkitan de serba esperantisto Dimitrije Janicic okaze de la internacia konkurso "Hanojo - via rendevuejo" kaj la versan adapton en la vjetnama fare de Nguyen Hop.

Informas: La Informa Komisiono de VEA

## Tajlando

# Esperanto en Tajlando

Permesu al mi mallonge raporti pri nia "pormovada laboro" dum la ĵus pasinta semajnfino en la sudtajlanda urbo Hatyai.

Unue ni vizitis la universitatan bibliotekon de Prince of Songkla University (PSU). PSU estas la plej malnova kaj prestiĝa universitato en suda Tajlando. Ni prezentis la tajan version de la lernolibro « Esperanto per rekta metodo » de Stano Marcčk kaj formale donacis du ekzemplerojn al la biblioteko. Neniu el la ĉeestantaj personoj (bibliotekistoj) iam aŭdis pri la internacia lingvo Esperanto.

La saman tagon ni vizitis la plej grandan librovendejon en la urbo-centro kaj havis bonŝancon renkonti ties proprietulinon. Mi montris al ŝi la lernolibron kaj kaptis ŝian atenton. Ŝi tuj kunvokis grupeton da diversrangaj stabanoj.

Sekvis vigla interparolo pri Esperanto, pri kies ekzisto - denove - neniu sciis, aŭdis aŭ legis.

La librovendejo volonte akceptis du ekzemplerojn de la lernolibro por komisie vendi ilin kaj petis kontakt-adreson okaze de novaj mendoj aŭ informpetoj.

La konkludo estas simpla: rilate Esperanton Tajlando estas virga teritorio! Nicholas Nevan" <nicholasnevan@hotmail.com>

# Kamboĝo

En la Virina Tago, la 8an de marto, nia grupo jam promenis en provinco kaj ni havas kelkajn fotojn pri nia movado. Progresigi Esperanton en mia lando nun estas malfacile.

SOKHA Chhim" <chhim.sokha@yahoo.com>






# Pakistano

## Unuafoje Ekspozicio pri Esperanto




La 1-a Ekspozicio pri Esperanto “Lingvo kaj Kulturo” finiĝis sukcesege en Nankana Sahibo la 26-an de februaro 2012.

Samidenaoj el diversaj urboj partoprenis speciale s-ro Iqbal Hussain Kharral (Distrikta Deputito-Oficisto Nankana Sahibo), s-ro Saleem (estro de Govt. M.C. High School, Nankana Sahibo), Ĉef-delegito s-ro Tariq Umar Ch. el Multano, Prezidanto de PakEsA s-ro Ŝabbir Ahmad Sijal, Vic-Prezidanto de PakEsA s-ro Raheem Ŝah kaj Sekretario de PakEsA s-roj Hamid Saleem, Riaz Raza kaj KAEMano en Pakistano s-ro Muhammad Zubair (telefone) el Lahoro, s-roj Faheem Noor, Akram Sijal, Asif Ramaj, Mohsin Hejderi, Ŝahid Ŝamas kaj Aqeel el Nankana Sahibo, Iĝaz Karim,

Riaz Ĥan kaj Farruĥ Iĥlaq el Ŝejĥupurao, Raŝiid Naz el Fajsalabado kaj partoprenantoj el multe da lokaj kaj eksterurbanoj venis kaj konis Esperanton. S-ro Iqbal Ahmad Kharral (Distrikta Deputito-Oficisto) kaj s-ro Saleem (estro de Lernejo) tutkore promesis helpon pri disvastigado de Esperanto en la tuta-distrikto de Nankana Sahibo kaj plu s-ro Saleem permesis komenci Esperanto-klasojn en la lernejo dufoje en semajno. Ĉef-gvidanto s-ro Tariq Umar prelegis pri facila gramatikregularo de Esperanto, s-ro Hamid Saleem pri historio de Esperanto kaj alfabeto, Prezidanto de PakEsA s-ro Ŝabbir Ahmad Sijal rememorigis verkojn de patrono de Esperanto en Pakistano, s-ro Muztar Abbasi, pri Esperanto-Movado en Pakistano, KAEMano en Pakistano s-ro Muhammad Zubair bondeziris pri la sukceso de Ekspozicio kaj diris, ke ĝi estas plej grava evento, Esperanto eniris al Nankana Sahibo kun la helpo de s-ro Adeel Butt. Nankana Sahibo estas la sankta urbo speciale por anoj de Siĥismo, ĉar multe da siĥanoj venas el eksterlando dufoje en jaro. Organizanto de Ekspozicio kaj Reprezentanto de Projekto 125 el UEA/ILEI en Pakistano, s-ro Adeel Mahmood Butt, dankis al ĉiuj partoprenintoj kaj prelegis pri Projekto de 125 kaj disvastigadplanoj de Esperanto en kaj ekster la lando, kaj li komencos Esperanto-klasojn baldaŭe.

Je la ekspozicievento okazis la 1-a kunveno de PakEsA kaj la evento finiĝis kun eta ekskurso al Gurudvara Ĝanamasthan en Nankana Sahibo, kiu estas naskiĝloko de la fondinto kaj anima gvidanto de Siĥismo s-ro Baba Guru Nanak Ŝri Dev Ĝi.

S-ro Adeel Butt <adeelbutt84@gmail.com>

# Koreio

## Tutlanda kurso

Tutlanda kurso okazis la 25an (sab) – 26an (dim) de februaro. Anstataŭ apartajn kursojn, ĉi-foje oni aŭskultis prelegojn kaj raportojn de aktivaj esperantistoj el diversaj fakoj. Invititaj estis 9 prelegoj, grupigitaj en 3 kategorioj. La 1a kategorio temas pri Esperanto mem kaj ĝia beleco. La 2a pri nia nuntempa situacio kaj

kapabloj en Korea Esperantujo. Fine la 3a pri nia respondo al estonta Esperantujo.

S-ro Lim (Oriento) komencis sian raporton 'Esperanto kaj Esperantidoj'. Amuze estis aŭskulti la rakonton, ke doktoro Zamenhof kreis la internacian lingvon en 3 fojoj. Vidante diversajn provojn modifi nian Esperanton kaj ĝiajn rezultajn formojn, oni sentis, kiel belan formon havas Esperanto! D-ro Kim (HOPE Kim) en sia prelego rakontis kiel bonega estis lia vivo dum 50 jaroj kun Esperanto. Belegaj memoroj estis elĉerpitaj kaj ili kortuŝis ankaŭ komencantojn, kiuj ĵus finis gramatikon de la lingvo. Sekvis raporto de s-ino Ko (Roza) pri la 14-monata mondvojaĝo per Esperanto. En ŝia raporto multaj alilandaj esperantistoj en alikulturaj lokoj estis prezentitaj kun neordinaraj fotoj. Raporto de mondvojaĝo de esperantisto ĉiam temas pri homoj kaj ilia vivo.

S-ino Shin (Sonĝanta) raportis pri Esperanto-movado en L.L.G (Libera Lernejo por Geknaboj). Lastajn jarojn ŝi provis Esperanton en kelkaj alternativajn lernejojn kaj konklude trovis, ke Esperanto povas esti utila solvilo por ke la lernejanoj malfermu la pordon al la mondo vasta. Kune sidis ankaŭ instruisto de la lerneja reto. Tiu LLG-reto nun havas intereson pri la neŭtrala kaj internacia lingvo. Pro tio s-ino Sonĝanta emfazis al ni sinpretigi por estontaj postuloj. Parte de ŝia prelego, unu lernanto s-ro Lee (Mastro) raportis pri sia unua Esperanta vojaĝo. Klare videblis, ke nun kreskas la postulo de tiuj lernejoj kaj geknaboj.

Reveninte de la unu monata lerno en la insulo Hajnan Ĉinio, s-ino Ahn (Vera) raportis pri graveco de instruado. Ŝi prezentis lernolibrojn kaj instrumetodojn de la Hajnana Esperanto-Kurso. Tio instigis al aŭskultantoj posedi bonan lingvan kapablon kiel esperantistoj. Ŝi intence prezentis PMEG kiel bonan gvidlibron por studi gramatikon bone. Daŭre s-ro Yoo (Globo) priparolis ĉiutagan vivon en la insulo. Amikiĝi kun alilandaj geknaboj donis specialan impreson eĉ dum la longega studado. Rimarkeble estas, ke junulo povas trovi novan vojon kaj kulturos novan epokon.

Por nia estonta movado, sinceran temon komencis s-ino Park

(Elstara), kiu kiel kunlaboranto projektis la Seulan projekton kaj la Komunan kongreson. Parolante pri sia sperto tra la du gravaj projektoj, ŝi montris al ni kiel grave valoras la vorto 'kune labori'. Vere tiu sinteno estas la plej grava por diverskolora Esperantujo.

Fine s-ro An (Kara) diskute prelegis kun la titolo "Kiel ni faru E-movadon en koncentriĝo kaj disiĝo?" Kelkajn demandojn kaj proponojn ĵetis li, kiel aktiva movadano, kiu strebas realigi la Esperantan ideon en aktualajn sociajn problemojn. Lia prelego kolorigis Esperanton per ne nur ideala koloro, sed ankaŭ reala koloro de nia aktuala vivado.

Tra la raportaj prelegoj, oni rimarkas, ke en diversaj fakoj arde laboras esperantistoj kun granda kaj sincera intereso. Rezolucie oni atingis al la interkonsento, ke ni pli ofte interŝanĝu niajn interesojn kaj agadojn por unuiĝi kaj kune labori. Kiel la unuan paŝon por tio, oni proponis, ke ĉiu aparta filio kaj fakaj grupoj utiligu la KEA-retejon kaj ĝian unuigan funkcion por plibonigi nian interkomunikadon.

S-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>

## "Esperanto Lanterno"

Festante la 125 jariĝon de Esperanto, Korea esperantistaro lanĉis unu komunan agadon "Esperanto Lanterno" (http://esperanto.or.kr/club/lanterno), ke ni persone aŭ grupe lumigas kandelon laŭvice ĝis la 125a. Tiu lumigo daŭros ĝis la ĉi-jara korea kongreso en la urbo Gwangju (光州). La 14a kandelo estis lumigita en la malgranda alternativa lernejo 'Onddut', kie etaj esperuloj lernas Esperanton kunĝoje. La geknaboj eklernis la esperan lingvon ekde la marto en la kurso gvidata de s-ino Honesta (MIN Hyunkyung). En Koreio de alternativaj lernejoj multiĝas alvoko al Esperanto. Sentante mankon de taŭgaj gvidantoj, ILEI-Koreio kaj instruistoj kune projektas sistemon starigi gvidantojn por Esperanto.

S-ino Elstara (PARK Suhyun) <gongpsh@hanmail.net>

## Printempa Namkang-Lernejo

Okazis Printempa Namkang-Lernejo (2012.4.14~15) en la kampara urbo Chong-do. En malgranda antikva-stila domo kolektiĝis 59 partoprenantoj. Printempiĝo vokis multajn novajn junulojn ĉi-foje. Precipe, de kelkaj alternativaj lernejoj venis 13 geknaboj kun siaj instruistoj. De la universitato Kyunghee, kiu ĉi-jare akceptis Esperanton kiel sian oficialan studobjekton, venis 3 studentoj, kiuj gustumis ĝin nur unu monaton. Pro la abundo de pli ol 20 komencontoj, s-ro Lumo, instruisto de baza klaso, kriis duone ĝoje kaj duone plende. Oni duonigis la baznivelulojn kaj s-ino Sonĝanta gvidis la alian duonon en la klaso "Bela legado".

En la malferma ceremonio, oni rememoris d-ron Zamenhof ĉe la 95a jariĝo de lia forpaso. Kiel la ĉefa programo, 18 geknaboj laŭvice legis analektojn de Zamenhof. En antikva lernejo ekfloris nia nova espero. S-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>

## Kurso por Helpi la Junularon

Korea Esperanto-Akademio (KAE) okazigis la Kurson por helpi la movadon de Korea Esperanto-Junularo (KEJ), kaj 4 homoj aliĝis la kurson kaj lernis Stilon de Esperanto.

Rezulte de tio, KAE donacis 140,000 ŭonojn da mono al Korea Esp-Junularo. Kun tiu monsumo kvar junaj esperantistoj povis ĉeesti la vintran lernejon de Esperanto sen zorgo pri aliĝkosto (35,000 ŭonoj por ĉiu homo).

S-ro Ma Young-tae <leonokr@yahoo.co.kr>

# Indonezio

## La movado en Indonezio kreskas....

Se vi iom sekvis tion kio nun okazas rilate al Esperanto en Indonezio, vi scias, ke la tiea movado de preskaŭ nulo multe kreskis en la lastaj du jaroj. Pasintjare okazis sufiĉe multe: kelkaj grupoj aktivas, ekeldoniĝis la bulteno « Esperanto en Indonezio » <%20https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/bulteno>,

Tatjana Loskutova (el Rusio) vizitis Indonezion kaj instruis en kvin urboj, du indonezianinoj partoprenis plurajn E-aranĝojn en Eŭropo... Tamen la planto ankoraŭ bezonas fortikiĝon... ekz. estus bone se venos indonezianoj al la UK kaj IJK en Vjetnamio ĉi-jare.

En la dua numero de « Esperanto en Indonezio » kaj ankaŭ en Facebook kaj per retmesaĝoj ni dissendis alvokon. <https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/blogo/alvokoporindonezianoj> al la indoneziaj esperantistoj por ke ili kandidatiĝu por subvencio cele al partopreno en la ĉi-jara UK. Al tiu alvoko venis ĝis nun jam pli ol 20 respondoj. Inter ili du personoj jam ricevis la kotizon helpe de eŭropaj esperantistoj. Ni kompreneble rigardos, kies partopreno plej povas helpi al la movado. Pluraj el la ĝisnunaj kandidatoj ankoraŭ ne havas 20 jarojn, kaj ne devos pagi kotizon, sed la vojaĝkostoj tamen tro grandas. Ni do volas peti vin helpi al tiuj indonezianoj. Estas pluraj eblecoj. Vi povas ĝiri monon al la Fondaĵo Tria Mondo aŭ al la konto Azio (ambaŭ ĉe UEA) por helpi pagi la kotizojn aŭ parton de la vojaĝkostoj de la indonezianoj (ne forgesu mencii "por indonezianoj al UK") aŭ al la konto 'helpid' de TEJO (ĉe UEA) por helpi venigi indonezianojn al IJK.

Se tamen ankaŭ vi preferas pagi kotizon aŭ vojaĝon por iu specifa persono, kontaktu nin por ke ni aranĝu tion.

Aldone, bonvenas subteno por la daŭra aperigo de Esperanto en Indonezio (kie vi povas legi multon pri la progreso de la tiea movado). Por tio, donac(et)oj bonvenas al la UEA-konto iesa-p.

Por membrigi denove indonezianojn al UEA, oni povas ĝiri al Fondaĵo Canuto (ĉe UEA) kun mencio 'por indonezianoj'.

Ĉiuj informoj pri ebloj subteni la movadon en Indonezio, aperas en la retejo

<http://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/subteno>

Por ĉiaj demandoj, vi povas kontakti nin per la sekva adreso: redakcio-ideo@googlegroups.com.

Ilia, Haris kaj Heidi
"Heidi Goes" <heidi.en.esperantujo@gmail.com>

## Ĉinio

### Helpu al Internacia Esperanto-Muzeo en Ĉinio

Zaozhuang-a Universitato en Shandong-provinco de Ĉinio decidis fondi Internacian Esperanto-Muzeon en la universitato por protekti kulturon de Esperanto kaj heredi civilizacion de nia lingvo. La Muzeo estos la unua en Azio. La celo de la muzeo estas protekti kulturon pri Esperanto kaj heredi ĝian civilizacion.

1. konservi ĉiujn esperantaĵojn el tuta mondo.
2. montri al socio la utilecon kaj aplikadon de Esperanto.
3. helpi sciencistojn, lingvistojn kaj esperantistojn esplori historion de Esperanto-Movado kaj internacian interkultutran komunikadon pere de Esperanto.
4. Ekspozicii konservaĵon laŭ plano kaj invito. Ankaŭ en la Muzeo estas konstanta ekspozicio pri Esperanto. Post oficiala fondo de la muzeo estos profesiaj oficistoj en la muzeo. Fakte 1000 konservaĵoj estas tre facile akcepteblaj. La enhavo estos:

1. libroj kaj gazetoj 2. artaĵoj kaj arkivoj 3. poŝtaĵo
4. memoraĵoj pri esperantistoj kaj uzitaĵoj de famaj esperantistoj.
5. fotoj, filmoj kaj bildoj 6. objektoj kun Esperanto
7. afiŝoj kaj dokumentoj pri UK kaj E-eventoj
8. ĉiuj koservaĵoj estas bonvenaj, pli bone estas malnovaj.

Por subteni la muzeon per esperantaĵoj bonvolu helpi kaj kontribui al la muzeo. Laŭ la plano en la muzeo troviĝos landa folio aŭ ĉambro kaj breto laŭ la nombroj de konservaĵo el tiu lando. Ĉiuj konservaĵoj estas bonvenaj por la muzeo.

La adreso estas: s-ro Sun Mingxiao
Zaozhuang Xueyuan Guoji Chu, Shandong, Ĉinio, CN-277160
Tel:86-632-3786905 retadreso:semio@163.com

## Invitilo al La 4a Harbina Junulara Seminario

Tempo: la 19a-20a de majo, 2012
Loko: Harbina Scienc-teknika Instituto, Ĉinio.
Programo: Interkona vespero, Inaŭguro (prelego pri la seminaria

temo), Fermo, Turismo post la kunveno (al Bieno Volga en Harbino, pikniko, ludado kaj arta prezentado k.a.)
Loĝado: Hotelo Songshan, por dulita ĉambro 150 juanoj/tagnokto
Kotizo: por ĉiu ĉeestanto: 100 juanoj;
por studento: 50 juanoj. Por ĉiuj: senpaga tagmanĝo
+Pago por la unutaga turismo: 100 juanoj
Okazigota de Heilongjiang-a Esperanto-Asocio kaj Yutong-a Esperanto-Instituto .
Kontakta rimedo: songheshu@126.com; S-ino Song Ping

## La100-a Naskiĝtago de Verda Majo

ji ding" <dingjiws@yahoo.com>

Je la 7-a de marto en Wuhan, Karmemora Kunsido por <la 100a naskiĝtago de Verda Majo, granda internacia pac-batalantino> estis okazigata. Prelegis fama veterano s-ro Hu Guozhu pri travivo de Verda Majo kaj ŝiaj aktivaĵoj rilate en Wuhan, pere de projekciilo de HEA. S-ro Peng Zhengmin prezentis al la ĉeestantoj 26 lumbildkartojn de la prelego. La 26 pecoj de lumbildkartoj, kiujn propre faris s-ro Hu Guozhu dum du semajnoj antaŭ la kunsido.Tiuj grande klarigis relativajn aferojn eminentajn al ĉiuj.

Poste, oni varme liber-parolis pri granda internacia pac-batalantino, kaj altgrade laŭdis ŝiajn agadon kontraŭ la milito, noblan moralon kaj kuraĝan spiriton. Kaj ĉiuj esprimis klopode lerni de Verda Majo per sia agado reala; samtempe, lerni Esperanton kiel Verda Majo. Multe legu E-librojn por altigi sian E-nivelon, estante internacia paca batalanto taŭga kiel Verda Majo.

La ĉeestantoj, resume estis 14 personoj, kunsidis en domĉambro de samideanino, s-ino Luo Hancheng.

**Verda Majo (HASEGAWA Teru)** naskiĝis la 7-an de marto 1912 – mortis la 10-an de januaro 1947, konata en Esperantujo per sia plumnomo Verda Majo, naskiĝis en Japanio. En junio de 1932 ŝi eklernis Esperanton. En la printempo de 1936, ŝi konatiĝis kun Liu Ren, ĉina studento, esperantisto en Tokio, kaj edziniĝis kun li en la aŭtuno de la sama jaro. Ŝi venis en Ĉinion en la 19-a de aprilo 1937, kaj batalis kontraŭ la japana invada milito.

# Malajzio

## Esperanto-klubo fondiĝis en mezlernejo




Ĉi-jare ni povis fari kelkajn aferojn pri Esperanto. Unu afero estas la fondo de Esperanta klubo en Privata Sendependa Lernejo San Min en Teluk Intan, Perak-o. La San-Min-Esperanto-Klubo (SMEK) komencis kurson la 14an de januaro 2012. La klubo estas nova kaj ne havas multajn klubanojn. SMEK estas la unua lernejo en Malajzio, kiu fondis Esperantan klubon.

Se vi volas kontakti la klubon, bv sendi la retleterojn al s-ro SIM Teik Hooi: s_m_san_min@yahoo.com

SMEK bezonas librojn por la lernantoj. Se vi havas malnovajn librojn kaj gazetojn, bonvolu sendi ilin al la bibiliteko ĉe 安顺三民独立中学 SEKOLAH MENENGAH SAN MIN (SUWA) Jalan Sungai Nibong, 36000 Teluk Intan, Perak, Malaysia.

S-ro ENG <saluton2010@gmail.com>

## Forpasis la Apostolo de Esperanto en Taŝkento

Azia E-movado suferis ege severan baton kaj neanstataŭigeblan perdon. La 27-an de februaro 2012 en Taŝkento forpasis elstara uzbekia esperantisto, brila E-pedagogo, dojeno de mezazia E-movado Eŭgeno S. Perevertajlo (1938-2012).

Eble ne hazarde liaj inicialoj *ESP* simbolis ĝuste Esperanton. Konatiĝinte kun la Lingvo Internacia en 1957, la tutan vivon li restis fidela kaj fervora E-propagandisto, talenta kaj senlaca E-instruisto…

Siatempe li esperantigis la romaneton *Timur kaj lia taĉmento* de Arkadij Gajdar (HEA, 1982), publikigis la 11-lingvan E-kurson en la revuo *Sovetskij Uzbekistan* (1988-1990), verkis kaj eldonis du originalajn lernolibrojn *Invito al Esperanto* (internacie uzebla ABC-libro) kaj *Lernolibro kun ekzercoj* (novstila lernilo por plenkreskuloj).

En 1962 - komisiite de leningradaj esperantistoj - *ESP* serĉis en Turkmenio la arkivon de konata blinda verkisto Vasilij Eroŝenko.

Eŭgeno S. Perevertajlo estis neordinara homo, vaste konata kaj respektata movadano, multjara UEA-delegito en Taŝkento, afabla gastiganto de Pasporta Servo kaj Servas Internacia.

Estingiĝis la mirinda vivo, kiu dum pli ol duonjarcento sindone plantis Esperanto-semojn en la korojn de sennombraj adeptoj de la internacia lingvo…Funebre kaj kondolence,

Nome de uzbekiaj esperantistoj Anatoli Ionesov

## Forpasis s-ro Josi Shemer (Israelo)

Mi devas dividi kun vi ŝokan, malĝojegan sciigon: antaŭ kelkaj horoj forpasis Josi Shemer, 61-jaraĝa. Unu el la pilieroj de la israela Movado dum pli ol kvar jardekoj kaj internacie konata kaj ŝatata esperantisto, multajn jarojn li estis redaktoro de la revuo "Israela Esperantisto", antaŭa prezidanto de ELI kaj nun ĝia sekretario kaj kasisto. Dum multaj jaroj kaj ĝis nun li senlace gvidis la Tel-Avivan klubon kaj estis UEA-delegito en Tel-Avivo.

## Memorvespero por Josi Shemer

La 17an de aprilo okazis la memor-vespero por Josi Shemer. Ĉeestis la familio kaj multaj israelaj esperantistoj - entute pli ol 60 personoj. Komence mi anoncis la ĵusan decidon de la estraro de ELI, nomi la Tel-Avivan klubon "Esperanto-klubo Josi Shemer" kaj eldoni memorlibron. Sekve multaj el la ĉeestantoj dividis siajn personajn sentojn kaj memorojn. Estis bela, emociplena kaj digna vespero, en kiu la verda familio de Josi kune memoris kaj adiaŭis lin. Fotoj estas videblaj en la retalbumo https://picasaweb.google.com/amri.nivut/Josi170412, kaj la tuto estis vidbendita.

Amri Wandel, Prezidanto de E-Ligo en Israelo (ELI)
amri@huji.ac.il http://www.esperanto.org.il/

# La 15a Internacia Esperanto-Sumoo

La marta konkurso (la 15a Internacia Esperanto-Sumoo) okazis inter la 11a kaj la 25a de marto, en kiu partoprenis 112 homoj el 21 landoj. La celo de tiu sumoo estas « legi Esperanto-librojn ĝoje ». Dum la du semajnoj ili legis entute 10000 paĝojn.

Sumoo estas japana tradicia luktarto, kaj la konkurso okazas ses fojojn jare, kaj nia Esperanto-sumoo okazas paralele kun tiu vera sumoo. Maniero de nia sumoo estas simpla : vi elektu libron, kiun vi legos por la 15 tagoj, kaj decidu, kiom da paĝoj vi legos dum unu tago. Se vi povos legi tiun kvanton en tiu tago, vi venkos, kaj se ne, malvenkos. Tiamaniere vi legadas 15 tagojn. Vi ne batalas kontraŭ aliaj esperantistoj, sed kontraŭ vi mem, nome kontraŭ via propra promeso.

Post 15 tagoj vi estos tre kontenta, ĉar vi plenumos vian promeson, kaj certe via libro estos pli kontenta ol vi, ĉar ĝi kuŝis en via breto multaj jarojn, ne tuŝite, nek legite.

La venonta sumoo okazos inter la 6a - la 20a de majo.

Vizitu la TTT-ejon.

http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

S-ro HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Du novaj libroj

**Esperanto per Rekta Metodo en la Taja Lingvo** (Maldekstre)

Al la taja tradukis ĝin teamo de Mark Starrs, lingve reviziis Nicholas Nevan (kun teamo), kiu iniciatis kaj organizis la laborojn. La libro aperas dank' al subvencio de Hori Jasuo. 114 p. 25 cm. ISBN 978-80-89312-21-4. Prezo 7,50 EUR, triona rabato ekde 3 ekz.

**Miaj Vojaĝoj tra la Mondo** de HORI Jasuo (Dekstre)

Verkis HORI Jasuo (Japanio). Eldonita en februaro de eldonejo HORIZONTO. 48 paĝoj en A4-formato. Prezo: 4 eŭroj.







## "Esperanto per rekta metodo en la taja lingvo"

En oktobro 2010 mi ricevis retmesaĝon el Malajzio, de Nicholas Nevan, la iama Konstanta Kongresa Sekretario de UEA, ke li

volonte iniciatus eldonon de mia riĉe ilustrita rektmetoda lernolibro en la taja lingvo. Mi kun ĝojo akceptis la proponon.

Nicholas serĉis kaj trovis la tradukantojn (la instruisto Mark Starrs el la universitato en Bang Lamung kun siaj tajaj kolegoj), kaj baldaŭ komenciĝis la tradukado. La tradukitajn partojn mi po-parte ricevis rete, kaj iom-post-iom enpaĝigis la libron en la (por mi) tre komplika taja skribo.

Sekvis tre temporabaj provlegado kaj korektado. Partoj de la libro veturis per la reto tien kaj post la korekto reen. En la tajaj tekstoj mia enpaĝiga programo (InDesign) ne bone perceptis intervortajn spacojn kaj ĝustajn dividlokojn, plie daŭre perdiĝis iuj komplikaj tajaj supersignoj. Unu loko korektita, la paneoj aperis aliloke. Formika laboro, kiu limaktempe – sed tamen – proksimiĝis al la fino, post pli ol unujaraj klopodoj.

Intertempe ni serĉis la vojon kiel eldoni la libron, tiel, ke oni povu en Tajlando donaci la lernolibron al bibliotekoj kaj kursejoj, kaj sekve komenci reklamkampanjon por promocii la lernolibron (kaj la preskaŭ nekonatan Esperanton) en tiu granda lando.

En la klopodoj grave helpis Hori Jasuo el Japanio, kiu per sia subvencio ebligis la aperon de la libro.

En februaro 2012 la lernolibro เอสเปรันโต โดยวิธีตรง (Esperanto Doojvititrong) estis presita en Slovakio, kaj la unua parto de la stoko forflugis kun ĉeĥaj turistoj, kiuj vizitis Nicholas, al Malajzio. Sekve li komencis la promociadon de la lernolibro.

La taja versio de mia lernolibro estas lingve jam la 31-a versio. Krom la taja ĝi jam aperis en la lingvoj angla, franca, itala, rusa, ĉina, japana, korea, portugala, pola, slovaka, Esperanta, greka, nederlanda, irlanda, rumana, germana, dana, litova, serba, vjetnama, luksemburga, hungara, kroata, finna, ĉeĥa, hispana, ukraina, sveda, tajvana kaj armena.

Avantaĝo de la metodo estas, ke ĝi uzas komunajn didaktikajn helpilojn: 500 Instruajn Bildojn A5 por kursgvidanto, kiuj kronologie sekvas la unuopajn ŝtupojn de la lernolibro (ankaŭ sur kompakta disko, por povi projekcii la bildojn sur ekrano), la diskon

"Modela elparolo", kun voĉlegitaj Esperantaj tekstoj de la libro (tre bona por hejma ripetado, aŭskulti kaj imiti la ĝustan elparolon), diskoj kun la lernolibro en pdf-formato kaj la tekstoj en MP3 (por povi per komputilo vidi la tekstojn kaj la bildojn kaj samtempe aŭskulti la elparolon)...

Avantaĝo de la metodo estas, ke ĝi uzas 750 plej ofte uzatajn Esperantajn vortojn. En la komencaj lecionoj la plej ofte uzatajn, en la postaj iom malpli... – laŭ la ofteclisto rekomendita de Akademio de Esperanto (Baza Radikaro Oficiala, Aktoj de la Akademio II.). Diversnaciaj kursanoj, lernantaj laŭ tiu ĉi lernolibro en trideko da lingvoj, do ricevas la saman vortprovizon, la plej ofte uzatajn, kaj do la pleje bezonatajn vortojn, kaj povas facile komuniki inter si.

Mi deziras al la lernolibro, ke ĝi trovu en Tajlando (kaj apudaj landoj, kie oni ankaŭ parolas la tajan) fekundan grundon, kapablajn kursgvidantojn kaj multajn lertajn kursanojn aŭ aŭtodidaktojn, kaj ke ĝi malfermu al multaj interesiĝantoj pordon al la bela lando Esperantujo. Stano Marček <revuo.esperanto@gmail.com>

## "Miaj Vojaĝoj tra la Mondo"

Dank' al Esperanto mi jam vojaĝis al preskaŭ 50 landoj. Dume mi vidis, aŭskultis kaj spertis diversajn aferojn.

Kiam mi laboris en universitao, mi verkis eseetojn pri tiuj spertoj en la angla kaj donis tiujn al ne tre kleraj studentoj kiel tekstojn en la lecionoj. Poste mi ĉiam volis traduki tiun tekston en Esperanto por komencantoj. Kaj la tempo venis.

La libro konsistas el eseetoj pri 22 landoj. La plej frua temas pri Honkongo, kiun mi unuan fojon vizitis eksterlande en 1965, kaj la plej lasta temas pri Novzelando, kiun mi vizitis en 2011. Inter tiuj du landoj troviĝas eseetoj pri Malajzio, Pollando, Britio, Germanio, Slovakio, Filipinoj, Belgio, Aŭstralio, Rumanio, Francio, Usono, Havajo, Israelo, Brazilo, Svedio, Mongolio, Vjetnamio, Ĉinio, Nepalo kaj Benino. Mi esperas, ke vi ĝuos la eseetojn, kaj konstatos, ke per Esperanto vi povos malfermi novan mondon.

HOR Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

Recenzo

# Ŝukurov Firdaŭs, Internacia lingvo Esperanto

– Забони байналмилалии Эсперанто, 2010, 378p.




La proceso de globalizado proksimigas la kulturojn, artojn kaj sciencojn de la popoloj. Laŭ la opinio de politikistoj tiu proksimiĝo havas ankaŭ negativajn flankojn. Dum tiu ĉi proceso pereos dekoj da nacioj, centoj da lingvoj kaj kulturoj. Eĉ la mondaj lingvoj povos perdi siajn poziciojn. La prognozo de lingvistoj en la fino de 21-a jarcento oni uzos tutmonde ne pli ol dek lingvojn.

En la 80-aj jaroj de la 20-a jarcento en Sovetio komenciĝis rekonstruado de la socia vivo. En grandaj urboj de Meza Azio – Taŝkento, Duŝanbe, Samarkando denove aperas intereso al Esperanto. Dank' al sindona agado de aktivuloj, aperis kelkaj kluboj de esperantistoj. Inter tiuj entuziasmaj homoj estis E.S. Perevertajlo, A.I. Ionesov, F.A. Ŝukurov kaj aliaj. S-ro Ŝukurov memstare lernis la lingvon kaj dum multe da jaroj instruis ĝin en la urba Klubo. Dum multe da jaroj dezirantoj lerni Esperanton uzis lernolibrojn de B.G.Kolker, M.I.Isaev, Z.V.Semenova, A.Junusov kaj vortarojn de E.A.Bokarev.

Dum 20 jaroj de sendependiĝo en Taĝikio aperis nova generacio, kiu tute ne komprenas la rusan lingvon. Bezonatis verki lernolibron

por taĝikoj. Feliĉe ĝustatempe estis aperigita lernolibro "Internacia lingvo Esperanto", kiu estis dediĉita al 150-jariĝo de nia majstro L.Zamenhof. La eldono estis parte subvenciita de KAEM.

La libro enhavas jenajn partojn: konciza historio de la internacia lingvo, gramatiko, eta krestomatio, taĝika-Esperanta frazaro, Esperanto-taĝika-rusa, taĝika-Esperanto-rusa vortaroj (kun pli ol 3000 vortoj) kaj dokumentoj de UNESKO pri Esperanto.

La aŭtoro klopodis doni elementojn de Esperanto en komparo kun la taĝika lingvo, uzante simplajn frazojn. Tiamaniere la aŭtoro vekas intereson de legantoj al la internacia lingvo kaj allogas al ĝia lernado. Ofte uzataj prepozicioj estas donitaj precize kaj ekzakte pere de skemoj kaj ekzemploj sen multvorta klarigado (p.18-21). La korelativa tabelo de adjektivo, pronomoj kaj adverboj donas eblecon sciante 10 vortojn tuj prezenti al si ankoraŭ 40 aliajn vortojn (p. 26-27). Ankaŭ tre klare kaj zorge estas prezentitaj participoj kaj verbaj adverboj (p.29-33). La sencoj de ĉiuj sufiksoj kaj prefiksoj estas donitaj pere de ekzemploj, kio ebligas ĝustan komprenon kaj faciligas lernadon.

La krestomatio enhavas la himnon "La Espero" (en Esperanto kaj la taĝika), taĝikajn kantojn en la tradukoj de la aŭtoro, anekdotojn pri folklora heroo Ĥoĝa Nasredin, proverbojn (p.47-68). En la taĝik-Esperanta frazaro estas donitaj ofte uzataj frazoj de ĉiutaga vivo. Uzante la frazojn, lernantoj povas tuj uzi la lingvon en siaj konversacioj.

Malgraŭ bona enhavo kaj eldona kvalito, la libro havas kelkajn preserarojn kaj en la vortaroj kelkloke la kolonoj de la vortoj pro tipografiaj kialoj ne konformas unu la alian. Sed tio ne malhelpas uzadon. La lernolibro estas la "unua hirundo". Espereble baldaŭ "venos printempo" - aliaj lernolibroj por lernantoj de mezlernejoj.

Komence de februaro 2012 Ruslanda-Taĝikia Slava universitato organizis konferencon pri lingvoj. Dum la konferenco la aŭtoro prezentis sian trilingvan komputilan vortaron (Esperanta-taĝika-rusa, taĝika-Esperanta-rusa, rusa-Esperanta-taĝika). Dank' al kreita serĉsistemo oni povas tuj ricevi tradukojn de donita vorto en du

aliaj lingvoj. Se la donita vorto ne ekzistas en la vortaro, eblas per tri klakoj enigi la vorton kaj ĝiajn tradukojn en la vortarojn. Tiamaniere oni povas riĉigi propran vortaron per specialaj kaj fakaj terminoj.

Saidmurod Hoĝazod, d-ro pri filologiaj sciencoj
saidmurod70@mail.ru

# Internacia Virina Tago 2012

## 235 mesaĝoj el 65 landoj kaj teritorioj

La plenuma komitato de la Internacia Virina Tago 2012 en Hirosima, Japanio, ricevis 235 mesaĝojn el 65 landoj kaj teritorioj.

**Azio 20:**
Barato 1/ Ĉinio 4/ Tajvano 2/ Indonezio 1/ Koreio 2/ Malajzio 1/ Nepalo 2/ Pakistano 3/ Uzbekio 1/ Vjetnamio 3.

**Afriko 8:**
Benino 1/ Kameruno 1/ Kongo 2/ Malio 1/ Reunio 1/ Tanzanio 1/ Togolando 1.

**Oceanio 7:**
Aŭstralio 5/ Nov-kaledonio 1/ Novzelando 1.

**Norda Ameriko 5:**
Kanado 3/ Usono 2.

**Latinameriko 21:**
Argentino 1/ Brazilo 10/ Kolombio 2/ Kostariko 3/ Kubo 1/ Meksiko 2/ Peruo 1/ Salvadoro 1.

**Eŭropo 166:**
Albanio 1/ Armenio 1/ Aŭstrio 3/ Belgio 7/ Britio 3/ Bulgario 5/ Ĉeĥio 5/ Danio 2/ Finnlando 3/ Francio 50/ Germanio 13/ Hispanio 3/ Hungario 12/ Irlando 1/ Islando 1/ Italio 11/ Kroatio 1/ Luksemburgio 2/ Malto 1/ Nederlando 6/ Norvegio 1/ Pollando 4/ Portugalio 1/ Rumanio 6/ Rusio 3/ San Marino 1/ Serbio 6/ Slovakio 1/ Slovenio 2/ Svedio 6/ Svisio 3/ Ukrainio 1.

Ni ekspoziciis la mesaĝojn ĉe tri urbaj kunvenejoj en tri semajnoj. La 12an ĝis la 24a de februaro ĉe Placo de urbana interŝanĝo, la 1an ĝis la 9a de marto ĉe Salono de oficejo de kvartalo Naka, kaj la 11an de marto ĉe la kunveno de la Virina Tago. Kaj, ekde la 1a ĝis la 8a de aprilo ni ekspoziciis ĉe Eduka Centro por Virinoj de la urbo, kaj ĉiujn mesaĝojn oni vidos en La Kongreso de Esperantistoj en Kansajo, 23-24 junio 2012 en Osaka.

**Kunveno de Virina Tago**

La 11an, marto, okazis kunveno de la Virina Tago ĉe la Paca Domo, centro de bonfarto de la kvartalo Naka, Hirosima, kun 120 aktivaj virinoj inkluzive de ne maljunaj kaj viroj.

En la kunsido unue ni silente preĝis por viktimoj de la katastrofo, kaj ni aŭskultis paroladojn de du rifuĝintinojn de damaĝitaj lokoj. Poste konata doktoro prelegis pri la radioaktiva efiko al homoj. Prezidis ĝin konata parolistino de NHK, interalie prezentis la Esperanto-Centron kiel unu el la 24 organizoj de la plenuma komitato por la evento post raporto de s-ino Osioka Taeko pri sia laboro.

Ĉiuj ĉeestantoj ricevis 12-paĝan materialon, sur kies 6 paĝoj oni legas la mesaĝojn, plejparte informon aŭ kritikon pri atomcentralo en sia lando, solidaran saluton al homoj de Hiroŝimo-Fukuŝimo.

Ni kore dankas pro via kunlaboro!

OSIOKA Taeko <osioka@mua.biglobe.ne.jp>
Hirosima Esperanto-Centro

# Paĝoj de KAEM

## Azia Klubaro (www.esperantoazia.net) malfermita

En la nomo de KAEM, Azia Klubaro (www.esperantoazia.net) estas malfermita en lingvo Esperanto. Tie oni povas krei klubojn laŭ sia utilo. En via propra klubo vi povas havi konstrui skribejon, diskutejon, materialejon k.t.p laŭ via gusto. La servo estos taŭga por via malgranda grupo diskuti aŭ kune labori iun projekton. Se vi volas havi vian propran Esperantan retejon, vi povas krei vian

klubon en Azia Klubaro. Ĉu via loka grupo bezonas retejon? Jen Azia Klubaro estas por vi. Ĉu vi volas donaci funkcion diskutejon por via propra retejo? Vi kreu diskutejon interretan en Azia Klubaro, kaj simple ligu ĝin al via jam ekzistanta retejo! Kelkaj kluboj estas jam malfermitaj. Disktejo por KAEM, Kolektado de Esperantaĵoj de Youtube, kaj aliaj hobiaj. Azia Klubaro donas al vi nur eblon krei klubon kaj ĝia utiligo dependas de via kreemo kaj inventemo.

PARK Yongsung (Sekretario de KAEM) <esabpark@korea.com>

## Novaj membroj de UEA pere de KAEM

### Nepalo (22)

**1. s-ro Poshraj Subedi**
**2. s-ro Razen Manandhar**
**3. S-ro Himalal Parajuli**
**4. S-ro Cholnath Pokhrel**
**5. S-ro Ganesh Neupane**
**6. S-ino Indu Devi Thapaliya**
**7. S-ro Bharat Ghimire**
**8. s-ro Navin Shrestha,**
**9. s-ro Narendra raj Bhattarai**
**10. s-ro Shree Prasad Pokharel**
**11. f-ino Alinka Pokharel**
**12. s-ro Mukunda Raj Pathak**
**13. s-ro Parashar Rijal**
**14. S-ro Bishwa Raj Goutam**
**15. S-ro Mukunda Bahador Chhetri**
**16. S-ro Devi Prasad Neupane**
**17. S-ino: Sita Ghimire**
**18. S-ino Maya Rai.**
**19. S-ro Hareram Bistha**
**20. Krishna Kanta Neupane.**
**21. S-ro Janardan Upreti**
**22. S-ro Sitaram Dhakal**

### Vjetnamio (36)

**1. Dang Ngoc Nhan**
**2. Dang Tran Thiet**
**3. Dao Mai Anh**
**4. Dao Thi Kim Luon**
**5. Dao Thi Kim Yen**
**6. Doan Ngoc Anh**
**7. Duong Tu Kieu**
**8. Ho Khue**
**9. Hong Hac**
**10. Huynh Van Ut**
**11. Le Kim Phuc**
**12. Le Thi Phuong Lan**
**13. Le Thi Hai Minh**
**14. Nguyen Bac Vu**
**15. Nguyen Duc Trong**
**16. Nguyen Minh Toan**
**17. Nguyen Thi Ngoc Lan**
**18. Nguyen Thi Phuong Mai**
**19. Nguyen Thi Xuan Mai**
**20. Nguyen Van Phach**
**21. Tran Hue Quang**
**22. Tran Quan Ngoc**
**23. Tran Thanh Tuyen**
**24. Trinh Hong Hanh**
**25. Vo Thanh Binh**
**26. Vo Thi Kim**
**27. Nguyen Huy Thinh**
**28. Vu Thi Bich Van**
**29. Nguyen Thu Quynh**
**30. May The Sy**
**31. Nguyen Thi Minh Nguyet**
**32. Nguyen Huyen Oanh**
**33. Le Thi Thanh Truc**
**34. Tran Khim**
**35. NGUYEN VINH**
**36. NGUYEN HUU DUY**

## Indonezio (3)

1. F-ino Debbie Stefanus
2. S-ro Wahyudi Suprapto
3. Devi Damayanti

## Srilanko (3)

1. Malaka Godagama
2. Isuru Premaratne
3. Yasas Nanayakkara

## Ĉinio (17)

1. Xu Deji
2. Huang Ming zhong
3. Difei Xu
4. Shi Huiping
5. Liang Naikeng
6. Ji Yin'geng
7. Li Liang
8. Zhang Jiayu
9. Huang Tingsheng
10. Zhang Miaojuan
11. Jin Zhu
12. Xiong Zhouxuan
13. Ning Shou-ren
14. Shen Chengru
15. Yang Songsong
16. Zhao Qianlan
17. Yonggen SHI (Miao hui)

## Pakistano (21)

1. s-ro Abid Ali Qureshi
2. s-ro Abid Hussain
3. s-ro Asad Shah
4. s-ro Ashfaq Ahmad Bhutta
5. s-ro Ata Muhammad
6. s-ro Khalid Rasheed
7. s-ro Muhammad Akram
8. s-ro Muhammad Akram Rongha
9. s-ro Muhammad Baqir
10. s-ro Muhammad Naseh Ajmal KHAN
11. s-ro Muhammad Nasir
12. s-ro Muhammad Punhal Kaheri
13. s-ro Shabbir Ahmad Sial
14. s-ro Sohail Kamran
15. s-ro Waseem Arsal
16. s-ro Zubair Ahmad Qasmi
17. Mag.Tanvir BABER
18. s-ro Tanveer Iqbal
19. s-ro Zubair Sohail
20. f-ino Zahra Shehnaz
21. f-ino Atifa Abdullah

## Mongolio (22)

1. S-ino Baldorĝ Ĉuluundolgor
2. S-ro Balduuz Dorj (Balduuz Dorĝ)
3. S-ino Boldbaatar Munkhsaruul
4. S-ro Ĉimedtseren Enĥee
5. S-ino Dagva Gereltogtoĥ
6. S-ro Deŝigsuren Ganbaatar
7. S-ino Dorĝ Gandolgor;
8. S-ro Dorĝ Suĥbaata
9. S-ino Goĉoosuren Norĝmaa
10. S-ino Ĥorloo Erdenesuvd
11. S-ino Ĥorloo Cerendeĝid
12. S-ro Ĥurgaa Daŝdorĝ
13. S-ro Luvsanvandan Daramsenge
14. S-ro Sosorburam Ĉinbold
15. S-ro Tulshig Tsogbadrakh
16. S-ino Bataa Dulguun
17. S-ro Bat-Erdene Tumen-Ulzii
18. S-ino Ĝigĝid Azĝargal
19. S-ino Ĥurelbaatar Tuja
20. S-ino Mandaĥ Ajurzana
21. S-ino Tumurgardi Ojun-Erdene
22. S-ro Samdan Cedendamba

# Esperanto-eventoj ===

### 2012

**3.1 ~ 6 / La 1a Sud-Azia Seminario /** Katmando, Nepalo
**5.10 ~ 12 / La 13a Israela Kongreso /** Bet Ŝean (Skitopolis), Israelo
**6.16 ~ 17 / La 61a Kantoo-Esperanto-Kongreso /** Hakone, Japanio

**6.23 ~ 24 / La 60a Kansaja Esperanto-Kongreso** / Osako, Japanio
**7.20 ~26 La 45a ILEI-konferenco** / Kunming, Ĉinio
**7.28 ~ 8.4 / La 97a Universala Kongreso de Esperanto** / Hanojo, Vjetnamio
**8.5 ~ 8.11 / La 68-a Internacia Junulara Kongreso** / Hanojo, Vjetnamio
**Somere / La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio** / Changchun, Ĉinio
**10.6~8 / La 99a Japana Esperanto-Kongreso** / Sapporo, Hokajdo, Japanio
**10.27~28 / La 44a Korea Kongreso de Esperanto** / Gwangju, Koreio

**2013**

**4. 18 ~ 22 La 7a Azia Esperanto-Kongreso** / Jerusalem, Israelo

**KAEM-anoj**

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlegado)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

---


## Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone-maĉi 2-13-3